


# INTERNACIA FERVOJISTO

2004.4



*Partoprenantoj de la 56-a IFK en Sopron*

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Per Engen 80-jaraĝa



La 1-an de Junio Per Engen, en Hamar atingis 80 jarojn.

Li komencis kiel fervoja aspiranto en la stacidomo de la urbo Drammen en jaro 1942 kiam li estis 18-jaraĝa kaj li finis sian longan karieron kiel direktoro de la fervoja distrikto de Bergen.

Ekde lia infaneco la ideo pri neŭtrala mondlingvo kaptis lin, kaj li lernis Esperanton per memstudado. Poste, dum la tuta vivo, Esperanto estis liaj gvidstelo kaj idealo, kaj homo kiel Per Engen kun klaraj vidpunktoj kaj kun speciala talento por organizado estis kaj daŭre estas, kaj espereble estos ege valora forto por la esperanto-movado.

En la fervojfaka Internacia Fervojista Esperantista Federacio - IFEF li, dum kelkaj jaroj, estis prezidanto, kaj nun li estas honora prezidanto de tiu organizo.

Li cetere estas delegito de UEA por fervojo kaj turismo por Hamar. Kompreneble, li estas ano de La Norda Stelo: la urba esperantoklubo de Hamar, kaj ni, liaj samideanoj kaj geamikoj sincere kaj elkore gratulas lin okaze de lia jubileo kaj ni deziras al li multajn bonajn kaj aktivajn vivjarojn.

***Per Johan Krogstie***

**Pro lia granda merito, en jaro 1998, Per Engen estis nomumita Honora Prezidanto de IFEF. Koran gratulon**



## Enhavo



# 57-a IFEF-KONGRESO EN BRAŞOV (RUMANIO) (7-14 de majo 2005)

Kongresadreso: 57-a IFEF-kongreso, RO-Br aşov O.P1; C.P.71
tel/fakso: +40 268 320 504
Hejmpaĝo: ://http.REFA.home.ro
Retadreso: refa@home.ro
57ifk@brv.cfr.ro
Rodica.todor@pcnet.ro

***Invitilo por la 57-a Kongreso de IFEF, kaj por la Postkongreso en la Danuba Delto***

Post tiom da plensukcesaj IFEF-kongresoj okazintaj ĝis nun en Eŭropo kaj antaŭ tiu ĉi unika fervoja evento - la venonta 58-a Kongreso en Pekino - ni, la rumanaj esperantistoj, iomete timemaj, deziras konvinki Vin ke, "la Esperanto - vojo" inter Eŭropo kaj Azio povos trapasi sukcese Rumanion, ne nur geografie.

La Rumana Fervojista Esperanto - Asocio (REFA), apartenanta al UAIFR (Landa sekcio de FISAIC), tukore invitas Vin partopreni la 57-an Internacian Fervojistan E - Kongreson, de la 7-a ĝis la 14-a de majo 2005 en historia, belega montara urbo, situanta en la centro de Rumanio, kaj ankaŭ aliĝi al la post-kongresa ekskurso okazonta en pitoreska, mondfama, unika regiono de Eŭropo - la Danuba Delto - rezervejo de UNESCO.

Estas la unua IFEF - kongreso kiu okazos en Rumanio kaj, pro tio, ni ege malfacile povis elekti la plej allogajn lokojn por kongresi kaj ekskursi. Rumanio estas belega lando, riĉa je vidindaĵoj, historio kaj kulturo.

Inter plurnombraj eblecoj, finfine oni decidis favore al Brasovo, kiel la plej forta centro de la esperanta fervojista movado kaj al Danuba Delto - regiono mirinda, neforgesebla kaj malfacile atingebla de unuopaj turistoj.

Ni esperas ke niaj entuziasmo, klopodo kaj deziro por sukcesi superos la malfacilaĵojn kaj la mankon de nia sperto. Pro tio, ni petas vian komprenon kaj indulgon.




Amike kaj bonkore ni atendas la partoprenontojn, certigante ilin, ke la beleco de nia lando kaj la varmeco de la rumana animo kontentigos plenplene ĉiujn.

Bonvenigos vin en Braşov, nome de la rumanaj fervojistaj esperantistoj, la **LANDA KONGRESKOMITATO**:

| | |
|---|---|
| Rodica TODOR | prezidantino |
| Mihai ŞTEFAN | vicprezidanto |
| Aurora BUTE | sekretariino |
| Mihaela MARCU | kasistino |
| Emil TUDORACHE | fakaj aranĝoj |
| Dan DINU | turismaj aferoj |
| Emil CRĂCIUN | kultura programo |
| Ionel OMET - | konsilanto |
| Radu BELLU - | konsilanto |

kaj plurnombraj gehelpantoj.

Kongresadreso : 57-a IFEF-kongreso, RO-Braşov, O.P. 1 ; C.P. 71
tel/fakso : +40 268 320 504,
hejmpaĝo: ://http.REFA.home.ro ,
retadresoj : refa@home.ro
57ifk@brv.cfr.ro
rodica.todor@pcnet.ro
rodica_todor@yahoo.com
Bankkontoj :
- BRD Braşov - SV 4373250800 (EŬR)
- BRD Braşov - SV 5867340800 (R Leoj)

Klasika rumana pentristo, Nicolae Grigorescu, instigis siajn parizajn gekolegojn kaj amikojn, vojaĝi al sia patrolando: "Se vi scius, kiom bela estas mia lando!"

Fiere kaj nostalgie, li tiel difinis la mondangulon, kies koloroj, formoj kaj perspektivoj estas la pitoreska esenco mem : la Karpatoj, famaj pro ilia riĉeco je oro, la montetoj kovritaj per fruktoĝardenoj kaj vinberejoj, la longaj ebenaj vojoj ĝis Danubo (la malnova riverego, kiu limas sude Rumanion (1075 km-ojn longa) kaj formas, antaŭ ol enflui en la Nigran Maron, unu el la plej sovaĝaj kaj misteraj deltoj en la mondo).

Plantoj protektitaj en rezervejoj, faŭno konsistanta el eksterordinaraj ekzempleroj de cervoj, ursoj kaj nigraj kaproj, birdaroj, herbejoj kun narcisoj aŭ peonioj, grotoj kaj akvofaloj, mineralaj fontoj, glaciaj lagoj au termofontoj, krutaj intermontoj kaj riveroj sur kiuj oni povas vojaĝi per modernaj boatoj, sed ankaŭ per flosoj; ĉie estas allogaj gvidosignoj por iu ajn vojaĝanto.

Ankaŭ staras altaj preĝejoj kaj monaĥejoj ortodoksaj kaj katolikaj, islamaj aŭ judaj. Mirindaj estas la vilaĝoj pro la moroj kaj etoso gardantaj la arkaikaĵojn ne nur en la muzeoj, sed ankaŭ en la ĉiutaga vivo, kun alloga gastronomio, kun kantoj kaj dancoj belegaj.


Angula urbodoma turo en Braşov

**Lando de la kontrastoj!**

Pli ol 22 milionoj da homoj vivas en tiu spaco kun areo de 238.391 kvadrataj kilometroj, situanta je la duondistanco inter la ekvatoro kaj la norda poluso, inter Danubo, Nigra Maro kaj Karpatoj.




**Ni kore kaj amike invitas vin malkovri, kune kun ni, la belan Rumanion!**

## Agrabla etoso en Sopron okaze de nia 56-a IFEF-kongreso

De la 8-a ĝis la 15-a de majo okazis en la urbo Sopron (Hungario) la 56-a IFEF-kongreso aranĝita de du najbaraj landoj nome Hungario kaj Aŭstrio. Aliĝis 207 kongresanoj el 23 landoj kaj partoprenis 193 kolegoj el 20 landoj.

La tutan semajnon, la kongresanoj ĝuis plezurigajn eventojn. Sinsekve interesa programo disvolviĝis tiele.

***Sabaton la 8-an***

Vespere okazis la tradicia interkona vespero. La kongresanoj plenŝtopis la disponigitan salonon. Ĝis malfrua vespero daŭris la bonetosa renkonto.

***Dimanĉon la 9-an***

Matene, post la meso, sekvis la *inaŭguro* en la granda salono de la kongresejo. La prezidanto de LKK, István Gulyás per varmaj vortoj salutis la kongresanojn. Pluraj gravaj eminentuloj esprimis sian honoron ĉeesti tiun kunsidon. Inter ili:



Georges Wallerand kun Romano Bolognesi

- D-ro Tibor Józan, direktoro de GySEV – protektanto de la kongreso – koncize konigis la historion kaj taskojn de GySEV.
- Georges Wallerand, ĝenerala sekretario de FISAIC esprimis la bondezirojn al la kongreso en perfekta Esperanto. Li opinias grava la signifon de la lingvo Esperanto, kiu estas tria oficiala lingvo de FISAIC.
- Sándor Jakab, vicprezidanto de la Hungaria Esperanto Asocio reliefigis, ke Hungario estas en festa periodo pro la membriĝo al Eŭropo. Antaŭ nelonge Aŭstrio kaj Hungario planis komune aranĝi mondekspozicion. La ideo nun etas efektivigata ĉi tie per la komune aranĝata 56-a IFEF-Kongreso.

La Egressy-Koruso de la Fervojista Fakgrupo el Tata kantis dum la dekminuta paŭzo.

Post saluto de la reprezentantoj de la landaj kaj ceteraj Esperantaj asocioj, venis tempo de la honorigo. D-ro Romano Bolognesi, IFEF-prezidanto transdonis Honordiplomojn de IFEF al Kurt Neuwirth kaj Gábor Pál pro ilia fruktodona laboro kiel gvidantoj de la landaj sekcioj de FISAIC en Aŭstrio kaj Hungario.

Gertrud Eggenberger, prezidantino de Svisa Fervojista Esperanto Asocio ricevis distingon „Honora Membro de IFEF". La IFEF-prezidanto en sia festa parolo detale okupiĝis pri la historio de IFEF kaj pri la historioj de la organizantaj landaj asocioj. Detale, li konigis la politikan situacion de la mondo. Fine, li deklaris la Kongreson malfermita.

La koruso kantis la unuan strofon de „La Espero" komune kun la ĉeestantoj.

Posttagmeze, post la vizito de la historia urbocentro de Sopron, la partoprenantoj vizitis la lokon de la iama Paneŭropa Pikniko, kiu okazis la 19-an de aŭgusto 1989. Ĉi tie, oni faris la unuan fendon sur la „ferkurteno". La Piknikon partoprenis 10-15 mil personoj, kiujn la aŭtobusoj senpage transportis al la loko de la evento. Inter ili estis germanoj el la tiama GDR. En la kadro de la aranĝo, oni planis malfermi la pordegon de la landlimo dum tri horoj.

Ĉar la Kongreson ĉijare aranĝas du landoj, ankaŭ la ***nacia vespero*** estis dulanda. Tra la programo gvidis alterne,


Gertrud Eggenberger ricevis IFEF-premion

tre bone, Ferenc Phersy kaj Ernst Quietensky.

***Lundon la 10-an***

Okazis la **nepublika komitatkunsido.** Ne timu, en tiu kunveno ne temas pri kaŝitaj celoj. Tute ne. Nur fariĝas kunveno permesanta al la komitatanoj libere diskuti, paroli, interŝanĝi siajn vidpunktojn por favorigi unuecan penson kaj harmoniigi la diversajn decidojn proponotajn. Sed, finfine, pri tiuj decidoj, oni voĉdonos dum la publika komitatkunsido.

Posttagmeze, la kongresanoj ekskursis al la aŭstra urbo **Eisenstadt**. Kiel anstataŭanto de la urbestro, parolis la konsilantistino pri kulturaj aferoj. La IFEF-prezidanto transdonis al ŝi IFEF-flagon. Post kelkaj aliaj informoj, ŝi invitis la partoprenantojn tosti per glaso da vino kaj panetoj de tiu regiono.

Sekvis vizito de la granda, bela parko de la kastelo de **Esterházy** kaj la kastelmuzeo... Fine ni vizitis la malnovan parton de la antaŭa juda urbokvartalo.

***Mardon la 11-an***

Je la 9-a komenciĝis la **plenkunsido.**

La vicprezidanto konigis la ĵus alvenintan sciigon de Ĉinoj, kiuj ne povas partopreni la kongreson, ĉar ĝis nun ili ne sukcesis ricevi la vizon.

La ĉeestantoj primemoris kaj honoris laŭnombre 31 mortintojn el 12 landaj asocioj, inter ili eĉ tre gravajn iamajn gvidantojn: J. Giessner, honoran prezidanton de IFEF kaj H. Hauge, iaman kasiston kaj honoran membron de IFEF, kiuj pli ol du jardekojn rezulte funkciis en la estraro.

La Komitato unuanime aprobis la raportojn de la sekretario, redaktoro kaj kasisto.

Same, la protokolo de la 55-a IFK (2003 en Dresdeno) estis unuanime akceptita. La ĉefkomitatano en sia raporto plendis pro la manko de jarraportoj flanke de la landaj asocioj. J. Niemann detale klarigis la kongresproponon.

Sekvis laŭstatuta elekto de IFEF-estraro kun la gvido de la ĉefkomitatano. Post la klarigo de la koncerna Regularo, la Komitato reelektis la estraron jene: prezidanto D-ro Romano Bolognesi, sekretariino Marica Brletić, vicprezidanto István Gulyás, redaktoro Jean Ripoche kaj kasisto Laurent Vignaud. R. Bolognesi nome de la estraro dankis la fidindecon kaj promesis precizan laboron.

Flanke de Faka Komisiono raportis la gvidanto, la sekretarioj de Faka Aplika Sekcio kaj Terminara Komisiono.


Kastelo de Esterházy

Sekvis la resuma raporto pri la jarraportoj de landaj asocioj. Ĝi montris ĉagrenan situacion, la averaĝa aĝo de la membraro altiĝas, ĉiam pli mankas la junuloj. Estas antaŭvidebla la ĉeso aŭ funkcia paŭzo de kelkaj landaj asocioj.

Poste temis pri la 2005-a budĝeto kaj rilatoj al UEA, al FISAIC.

Pri FISAIC detale parolis Georges Wallerand kaj Nathalie Bayard ene de tri temoj;

Unue: la organizo de IFEF-kongreso en 2006 pere de la ĉina sekcio. Laŭ la FISAIC-statuto, nur la landaj membroj de FISAIC rajtas organizi aranĝojn

enskribitajn ĉe la oficiala FISAIC-kalendaro. Post longa debato, la prezidantaro sugestis escepte permesi, ke Ĉinio aranĝu la kongreson sen esti membro de FISAIC. La fina decido apartenas al la ĝenerala kunveno de FISAIC, kiu, oktobre, kunvenos en Žilina (Slovakio).

Due: la loko de Esperanto ĉe FISAIC

En 2001, okaze de la prezido-kunveno de FISAIC en Lillehammer (Norvegio), pluraj landoj postulis, ke la angla iĝu la tria oficiala lingvo de FISAIC. Estis decidite krei – krom la statuto de FISAIC – internan reglamenton, laŭ kiu oni povus uzi aliajn lingvojn ol la oficialajn, okaze de la FISAIC-kunsidoj. Tiel, restis do nur du oficialaj lingvoj ĉe FISAIC : la franca kaj la germana. Ekde tiu prezido-kunveno aperas la protokoloj de tiuj kunsidoj en lingvoj germana, franca, angla kaj Esperanto. Dank' al Esperanto, ĉiuj landoj povas tradukigi tiujn dokumentojn al siaj naciaj lingvoj.

Trie: de kelkaj jaroj la franca FISAIC-sekcio posedas TTT-ejon, kiun ĝi disponigas ankaŭ al FISAIC.

La retpaĝaro de FISAIC: (http://www.uaicf.asso.fr/fisaic.htm) prezentas trilingve (france, germane kaj angle) la internaciajn kulturajn aktivaĵojn: adresojn, aranĝojn, teknikajn reglamentojn, ktp. La landoj, kelkfoje, ne konscias pri la avantaĝo de tiu retejo vizitata meznombre de 80 000 personoj monate! Pro tio, la franca FISAIC-sekcio per Internet ebligas disponi al ĉiuj pri la bezonataj informoj. Pri IFEF, la ĝenerala sekretario de FISAIC proponas disponigi la informojn pri la kongresoj, programoj, aliĝkondiĉoj, kiujn ĉiu landa sekcio mem povas printi.

Krome, akcepto-paĝo en Esperanto estos kreita. FISAIC restas je dispono de IFEF por plibonigi la kunlaboradon inter IFEF kaj FISAIC.

La Komitato decidis pri la IFEF-kongresoj okazontaj en la sekvontaj jaroj. En 2005 IFK okazos en Braşov (RU), por 2006 invitis Ĉinio, – se ĝi ne sukcesos, Francio aranĝos –, tamen se Ĉinoj povos aranĝi, en jaro 2007 Francio invitos kongresi.

IFES en 2005 okazos en Katalunio (proksime al la franca landlimo), Bulgario invitas al la 2006- IFES.

Komitato denove komisiis la reelektitan IFEF-estraron por decidi pri honorigoj.

Posttagmeze kaj ankaŭ plurfoje dum la semajno la Faka Komisiono kunsidis sub la gvidado de Jan Niemann..

Unua parto de la kunveno estis dediĉita al la preparo de fakaj prelegetoj. Dum ĝi, estos prezentitaj entute 7 prelegetoj. En la dua parto de la kunveno estis diskutitaj terminaraj problemoj sub gvidado de d-ro Hoffmann.

***Bankedo kaj balo***

Bankedo-partoprenantoj kuniĝis en la restoracio de la hotelo „Szieszta" kaj sidis ĉe la feste aranĝitaj manĝotabloj. La bankedon malfermis per tosto inĝ Gulyás. Al bona humoro kontribuis la orkestro, kiu per bona kaj bela muziko kaj kantoj kaŭzis, ke multaj dancemuloj ĝojis ĝis noktomezo.

**Merkedon la 12-an**

La partoprenantoj de la tuttaga ekskurso ekveturis per du aŭtobusoj, al direkto de la lago Balatono. Dumvoje, la aŭtobusoj traveturis kelkajn lokojn, kiuj ludis gravan rolon en la hungara historio. Unu el ili estis **Nagycenk**, kie troviĝas la memormuzeo de Széchenyi. La ekspozicio prezentas la rapidan, teknikan, sciencan kaj industrian evoluon de Hungario en la 19-a jc. La muzeo troviĝas en la kastelo de la familio. La sekva loko estis la urbo **Sárvár.** En la epoko de la dinastio de Árpád, ĝi estis reĝa bieno, kie staris terfortikaĵo, nomita Castrum nigrum (Nigra fortikaĵo).

La unua halto de la aŭtobusoj okazis en **Sümeg.** En ĝia ĉirkaŭaĵo oni malkovris la restaĵojn de kolonio el la romia epoko kaj tiun de prakrista baziliko. Post la tatara invado, la reĝo Adalberto la kvara komencis konstruigi la fortikaĵon en la 13-a jc. En la 16-a jc., la turkoj okupaciis

la urbojn Veszprém kaj Székesfehérvár, pro tio ĝi iĝis grava parto de la ĉeno de limfortikaĵoj sur la teritorio de Transdanubio. Post iom da refreŝigado, ni pluveturis al la urbo **Keszthely.** Ni vizitis la kastelon dank'al la gvidado de lokaj profesiaj ĉiĉeronoj.

Post la vizitado de la kastelo, ni veturis al **Badacsony.** Dum mallonga tempo, ni haltis ĉe restoracio, de kie estis tre bela elvido al Balaton.

La tagmanĝo okazis en Badacsony. En la restoracio ludis ĉigana orkestro dum la manĝado, kiu kreis agrablan humoron por la partoprenantoj.

La tagmanĝon sekvis mallonga promenado sur la „strato de drinkaĵoj" kie ni povis gustumi la vinspecojn de Badacsony..

**Ĵaŭdon la 13-an**

Matene, okazis la ĉefa faka programo de la 56-a IFEF-Kongreso. Inĝ. Herbert Sonntag lerte prezentis la ĉefan fakan prelegon kompilitan de Inĝ. Friedrich Tschom kun titolo: Interŝtata Fervojo GySEV-ROeEE.

Post mallonga paŭzo sekvis prelegetoj: d-ro Heinz Hoffmann pri dresdenaj kargotramoj, Jan Niemann prezentis kontribuaĵon pri rilatoj inter la dana trajnopersonaro kaj la publiko, Inĝ. Rodica Giuhat parolis pri intermodala transporto en ĉirkauaĵo de Bukareŝto.

Plue, je la vico, estis informoj pri nova trajno por la Ĉeĥaj Fervojoj – pendolino kun kliniĝtekniko kaj projekto de nova linio inter Praga centro, flughaveno kaj urbo Kladno prezentitaj de Inĝ. Ladislav Kovář kaj Jindřich Tomišek. La lasta prelego temis pri terminara sfero – rimarkoj pri komerca ekonomia vortaro fare de Zlatko Hinst.

Laŭ la iniciato de s-ro Peter Zilvar kun oficiala subteno de la Germana Esperanto-Asocio estas fondita Esperanto Kleriga Centro en la urbo Herzberg apud Harzmontaro. Herzberg estas la urbo en kiu nia ŝatata multjara IFEF-prezidanto, Joachim Giessner longe vivis kaj agis kiel staciestro. Unu ĉambro de la centro nomiĝas „Arkivo Joachim Giessner". Tie estas kolektataj Esperanto-ĵurnaloj, inter alie la Internacia Fervojisto. Tiel, la idealoj de Achim plue daŭros. La centro organizas altkvalitajn lingvokursojn. Nuntempe en la centro laboras hungara instruistino, kiu havas la rajton ekzameni Esperanton ĉe la hungaraj universitatoj.

Brusela Esperanto Komunikadcentro (BKC) kreis TTT-paĝaron kun nacilingvaj informoj pri Esperanto por ĵurnalistoj.

Membroj de la Fervojista Fakgrupo de Zalaegerszeg entreprenis funkciigi libro-servon dum la 56-a IFK. Por tiu celo ili aĉetis multspecajn bildkartojn pri lokomotivoj kaj dekkvinlingvajn kovertojn.

Ili ankaŭ disponigis la specialan stampilon por la filatelistoj. Paralele, ili plenumis la taskojn de la informado.

Inter la fakaj programoj estis enmetita eksterfervoja programo de d-ro Romano Bolognesi sub la titolo „Prelego pri lingvistikaj temoj". La temo estas tre interesveka, la prelego mem okupiĝis pri neimagebla materialo:

Tre lerte, interese, la prelego kondukis nin de la komenco de la homvivo al la nuna komunikado. Kvankam la cirkonstancoj ne estis favoraj, tamen la prelego daŭris unu kaj duonan horon, eĉ ne restis tempo por diskuti pri tiu.

En 2005 estos la unua IFEF-kongreso, kiu okazos en tiu lando, kiu ĝis nun neniam gastigis IFEF-kongreson. Temas pri Rumanio, la rumanaj fervojistaj esperantistoj invitas kongresi al la urbo Braşov inter la 7a kaj la 14a de majo 2005. S-ino Rodica Todor varme invitis nin kongresi en tiu bela regiono.

*Teksto grandparte eltirita de la Kongreskurieroj*

**Kun dankoj al la redaktoroj János Patay kaj József Cziboly**

***Salutvortoj de la Prezidanto dum la solena malfermo (09/05/2004)***



Estimataj Eminentaj Gastoj! Bravaj Organizantoj! Karaj Kongresanoj! Samideanoj kaj Kolegoj!

Ĝoje, mi bonvenigas vin en la IFEF-Kongreso de la jaro 2004. Estas grave kaj instige, ke du najbaraj landaj asocioj, komune, organizis nian pintan manifestacion. Post la pasintaj kongresoj jam okazintaj en Aŭstrio: 1950 Salzburg, 1959 Linz, 1975 Villaeh, 1994 Krems kaj en Hungario: 1962 Budapest, 1982 Balatonfüred, 1995 Pècs kaj laste 2000 Budapest, nun estas la vico de la bela Sopron en la distrikto Győr-Sopron, kiu travivas rapidajn ekonomiajn kaj sociajn ŝanĝojn. La hotelo-kongresejo, aliaj gastigaj loĝejoj kaj bona kuirmaniero certe kontentigos ĉiajn postulojn.

Dum la venontaj tagoj, eblos esplori multajn trezorojn de la apudaj regionoj, kies gastamaj loĝantoj certe sentigos nin tre bone. Ni ĝue vivos la pejzaĝojn kaj la kulturajn eventojn. Multaj naturaj kaj loĝataj lokoj estas nepre vizitindaj kaj vizitendaj ambaŭflanke de pli kaj pli febla landlimo.

Jes, dum iom longa tempo, ni estis devigataj pensi kaj paroli pri du malsamaj mondoj, fakte tre fermitaj. Kaj jen, ekde kelkaj tagoj, finfine, komenciĝis nova grava alproksimiĝo; eĉ ne limigita inter tiuj du koncernaj, sed entute inter 25 eŭropaj landoj. Gravas, ke ne perforte, fare de konkerantaj regnestroj, sed libervole, ili, elektis kunlabori.

Kiel loĝanto en unu el la fondintaj ses landoj de tiu nova Eŭropo, mi kore bonvenigas ĉiujn freŝajn aliĝintojn. Ĉiam pli alten!, kune, kaj ĉefe, pace!

Kion diri plu pri tio? Ni esperantistoj ĉiam neglektis la fermitajn limojn. Ne nur perparole ni ĵetis niajn energiojn kaj niajn korojn trans la limojn, interamikige tra nordo kaj sudo, tra okcidento kaj oriento, sendepende de bariloj kaj de ĉiaj ideologioj. La esperantista vivkoncepto denove montriĝis avangarda en mondo ankoraŭ tro ofte batalanta. Al tio bedaŭrinde mi revenos.

Niaj plej gravaj kongresaj eroj estas la kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono, kun la fakaj aranĝoj, ĉar ili montras la progreson de nia organizita laboro, mezuras nian laborkapablon kaj nian adaptiĝon kaj kontribuon al la rapide evoluanta fervoja tekniko. Do, ni devas per tio fake, profesie kaj pasie maksimume kunlabori.

Tamen, ja vi scias, ke koncerne niajn manifestaciojn mi ĉiam alte taksas la homajn interrilatojn, konsciante ke ili estas ne anstataŭeblaj elementoj de nia tipa internacia vivmaniero, en kiuj la diverstipaj personecoj de la partoprenantoj povas abunde kontentigi sin. Por tio, la fervojistaj kongresoj estas ankaŭ forumoj malfermitaj al ĉiuj. Ni organizas kaj utiligas ilin ankaŭ por malferme esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi opiniojn je internacia nivelo per demokrata maniero.

Sed, la esenca kondiĉo, por ke ĉio povu bone efektiviĝi kaj funkcii estas la bona uzado de komuna lingvo, kiu ebligas al homoj el la plej malproksimaj landoj kaj malsimilaj kulturoj kunligiĝi je ĉiu ajn nivelo.

Ni fervojistoj esperantistoj jam brile spertis kaj pruvis tion, ĉefe dum la pasintaj 95 jaroj de agado kaj dum la 55 antaŭaj kongresoj, dank' al la ideala kaj tre praktika mirindaĵo kiu estas Esperanto. Sen multekostaj tradukaj aparataroj, sen interpretadoj, ni montras la plej bonan manieron internaciskale komuniki. Ni, fiere, povas deklari, ke ni ne sentas nin fremdaj, kiam ni kunvivas inter esperantistoj.

Dankeme, mi volonte reliefigas, ke la poresperanta agado de la fervojistoj rolis tre grave por nia movado en Aŭstrio kaj en Hungario jam en la jaroj antaŭ kaj post la unua mondmilito, eĉ fine de la XIX-a jarcento kaj tre frue en la XX-a,

kiam estis Prezidanto de tiama internacia organizo, la hungaro Tividar SCHWARTZ, kiu cetere fondis kaj ekeldonis la revuon « *Literatura Mondo"*-n.

Poste, sekvis teruraj tempoj, pro militoj kaj pro naciismaj reĝimoj, dum kiuj la esperantistaj aktivecoj estis preskaŭ tute neniigitaj.

Feliĉe, jam tuj depost la jaro 1946, ĉefe danke al la kolegoj Johann BURGER, en Aŭstrio, kaj István BÁCSKAI, en Hungario, rekomenciĝis la fervojistaj esperant-istaj movadoj, kaj jam en 1950 la aŭstria landa asocio aliĝis al IFEF kaj kapablis org anizi la salzburgan kongreson.

Multe pli da obstakloj estis en Hungario ĝis la jaro 1956, sed de tiam revigliĝis la agado per fondo de grupoj kaj starigo de kursoj, kaj jam en 1959 okazis la (re)aliĝo de la landa organizacio al IFEF.

Ekde 1957, regule aperas la prestiĝa faka bulteno "Hungara Fervojista Mondo", fondita de d-ro Bácskai kaj nun direktata de la LKK-Pr, inĝ. István GULYAS, kiu de 1976 fariĝis K-ano "A" por IFEF ĉe UEA kaj de 1988 IFEF-Vp.

Kaj oni ne forgesu, ke de la jaro 1981, ekzistas en Hungario landa sekcio de FISAIC, ĝuste danke al la fervojistaj esperantistaj kontaktoj, kaj ke grava rolo ludas la hungaraj kolegoj pro la daŭraj kunlaboroj kun la Ĝeneraldirekcio de MÁV, kie aktivas oficejo pri la Projekto RailLex de la UIC (Fervoja Monda Unio), kaj ĉe kies presejo ĉiuj fervojoj de la mondo mendas la UIC-Terminarojn, en pluraj lingvoj, inter kiuj elekteblas ankaŭ Esperanto.

Plie, ekzistas tre bone organizita skipo el kiu elstaras konstante, modeste, sed ne anstataŭeble nia kara kolego János PATAY, kaj la tre prestiĝa Prezidanto de UMEA (Universala Medicina Esperanto-Asocio) d-ro Imre FERENCZY, Honora Membro de UEA, lerta scienca preleganto dum multaj fervojistaj Esperanto-aranĝoj. Cetere UMEA kaj IFEF subskribis dokumenton por konstanta reciproka kunlaboro. Por nomumi ĉiujn aktivulojn, listo estus tro longa, kun risko de forgeso pri multaj meritplenaj homoj; cetere ili ĉiuj estas tre bone konataj en nia medio. Same, validas por la aŭstria l.a. sub la gvidado de inĝ. Walter HUBER, LKK-Vicprezidanto kaj de inĝ. Friederick TSCHOM, kiu zorgas pri la dumkongresaj fakaj prezentoj.

La membroj de la Loka Kongreso-Komitato estas homoj spertaj. Akurate kaj lerte, ili proponis, planis kaj nun efektivigas tutcerte ampleksan, fakan, kulturan kaj turisman aranĝon. La memoroj pri la pasintaj kongresoj en Aŭstrio kaj en Hungario montras nekonfuzeblajn certecojn.

Nome de nia Federacio, mi kore dankas la aŭstrajn kaj la hungarajn amikojn pro la preteco akcepti tiujn gravajn taskojn kaj pro la invito partopreni. Tre korajn dankojn ankaŭ al ĉiuj aliaj homoj kaj instancoj, kiuj kunlabore diversmaniere helpis.

Antaŭ unu jaro, oni anoncis la finon de la militaj operacioj en Irako, sed certe tie ankoraŭ tute ne ĉesas malbonaĵoj; la terur-aĵoj eĉ fariĝis pli krudaj. En tro multaj lokoj en la mondo ankoraŭ okazas militoj, terorismoj, rasismaj kondutoj, kaj de tio venas morto, detruo, malsato, malsanoj, perfortoj kaj ekspluatadoj, ĉefe kontraŭ virinoj kaj infanoj. Plue, oni okazigas militojn. Sciu, ke en la mondo la jaraj elspezoj por armiloj estas pli ol 800 miliardoj da eŭroj, t. e. ĉirkaŭ po 133 eŭroj, por infano aŭ plenkreskulo, averaĝe kaj sendistinge, por ĉiuj pli ol 6 miliardoj da terloĝantoj. Konsciu, ke en multaj malriĉaj landoj oni ne perlaboras tiom multe dum unu tuta jaro.

Kaj plue, la registaroj aprobas plialtigojn por la "defendelspezoj". Konsciu, ke nur teorie la landoj pagas tion: per impoŝtoj, tiuj kostoj pezas sur la popolojn, kiuj, revendanke, ricevas la pagitajn bombojn. Mi denove, eble ĝissate, starigas gravajn demandojn. Kial simplaj homoj, politikistoj, ĵurnalistoj, entute la komunikiloj, funde ne sindemandas: - Kiuj fabrikas, kiuj komercas la armilojn, la drogaĉojn, kiuj profitgajnas per tiuj trafikoj, per la malpaco tie kaj tie en la mondo? Mi petas, faru al vi mem kaj

al viaj diverstipaj reprezentantoj tiajn demandojn: eble sinceraj respondoj klarigus la ideojn.

Ja, tio ne sonas nova, ĉar jam en Boulogne-sur-mer, d-ro Zamenhof diris: ***"Fratoj kreitaj ĉiuj laŭ unu modelo, fratoj, kiuj havis ĉiuj egalajn korpojn, egalajn spiritojn, egalajn kapablojn, egalajn idealojn, egalan Dion en siaj koroj, fratoj, kiuj devus helpi unu la alian kaj labori kune por la feliĉo kaj la gloro de sia familio, - tiuj fratoj fariĝis tute fremdaj unuj la aliaj, disiĝis ŝajne por ĉiam en malamikaj grupetoj, kaj inter ili komenciĝis eterna milito,"***

Sed, pro tiu amara konstato, ke dum la longa homa historio, paca kunvivado estis nur revo, nur dolĉa fantazio, kaj ke neniu prenis serioze ĝian efektivan eblecon, ĉi eble li perdis la esperon? Ĉu ni kiel homoj kaj kiel esperantistoj vere prenas serioze tion? Ĉu ni eble perdu la esperon? Li mem aldonis:

***"Kaj nun la unuan fojon, la revo de miljaroj komenciĝas realiĝi. En la malgrandan urbon de la franca marbordo kunvenis homoj el la plej diversaj landoj kaj nacioj; kaj ili renkontas sin reciproke, ne mute kaj surde, sed ili komprenos unu la alian, kiel fratoj, kiel membroj de unu nacio."***

Ni estu tute konvinkitaj kaj ni agadu kohere, bone sciante, ke la profundaj valoroj de la esperantismo ĉiam estas validaj kaj kapablaj doni modelan ekzemplon por pli favora interkompreniĝo, toleremo kaj bona kunvivado, senkonsidere de la apartaj homaj karakterizoj. Ni daŭre montru, ke eblas ne forĵeti tiom multe da mono kaj energioj pro la nuntempe bezonataj tradukaj kaj interpretaj servoj (ofte misservoj) de publikaj kaj privataj organizacioj. Ni plene konscias, ke per tiuj sumegoj oni povos fari multon kontraŭ malsanoj, malsato kaj por la progreso de la popoloj.

Ni estu certaj, ke iam la homoj konvinkiĝos adopti pli bonajn manierojn interrilati, kunvivi, pace kaj frate. Cele al tio, niaj antaŭuloj agadis, kaj ni daŭre devas strebi al tio, organizante kunvenojn, naciajn kaj internaciajn kongresojn, kiuj estas tre gravaj okazoj por disvolvi organizajn, sociajn kaj homajn rilatojn.

Ni vivu la venontajn tagojn, donante kaj ricevante la maksimuman kunlaboron kaj samtempe profitante por kreski lingve kaj home. Ni estu, kiel eble plej malfermitaj al aliaj vidpunktoj kaj ideoj, tolereme kaj danke.

Kun malgajo, mi rememoru pri niaj lastatempaj perdoj. Nome, pri niaj karaj k-oj Henning HAUGE, IFEF-Ks dum 27 jaroj kaj tre lerta organizanto, kaj pri Joachim GIESSNER, IFEF-Pr dum 22 jaroj, H.Pr de 1990, tre kapabla kaj sindonema, kiu, rekorde partoprenis en pli ol 50 IFEF-kongresoj. Li ĉiam puŝis nin al agado, ĉefe per faroj kaj ofte per la slogano *"Espero, Obstino, Pacienco"*. Ĝuste lige al tio mi volas mencii aliajn vortojn, tute aktualajn, de la jam citita Tividar SCHWARTZ, kiu jam en la jaro 1912 diris:

*"Se ni ĉiuj komprenos la noblajn, pacemajn kaj praktikajn celojn, kiujn sekvas nia asocio, se ni ĉiuj tiel ame, sincere kaj pacience plenumos niajn libervole promes-itajn devojn, kiel* [aludante al siaj antaŭ-uloj] *tion ĉiam senprofite, ofereme montris kaj faris, ni restos fortegaj eĉ en nia nune ŝajna malforteco. "*

Ni akceptu la neeviteblaĵojn, ni agadu kaj sekvu iliajn bonajn ekzemplojn.

En ĉi-tiu spirito mi deziras, ke en Sopron ĉio estu plensukcesa kaj ke ĉiuj realigu siajn dezirojn.

Per ĉi tiuj vortoj, mi deklaras malfermita la 56-an Kongreson de IFEF,

*Romano BOLOGNESI*
*IFEF-Prezidanto*

# La falo de la Berlina Muro komenciĝis en Sopron.

Tion konstatis en 1990 Lothar de Maizière, la lasta ministro-prezidento de GDR. Same, sin esprimis la Federacia Kanceliero Helmut Kohl en la tago de la reuniĝo de Germanio: „La tero sub la Brandenburga Pordego estas peco de Hungario". Tio vere estas honoraj vortoj.

Evidente, la okazaĵoj en Hungario en 1988-89 kontribuis al la Falo de tiu timita kaj malamata Muro, kiu sin prezentis kiel simbolo de la totalitaraj-sistemoj kaj divido laŭ ideologiaj vidpunktoj; kaj kondukis al demokratia turniĝo.

Aŭtune 1988, naskiĝis fortaj opoziciaj partioj kun la celo aniĝi al Eŭropa Unio. Printempe de 1989, la hungara registaro, ligita al la Hungara Socialista kaj Laborista Partio laŭ soveta ekzemplo, decidis sub la premo de la opozicio, malmunti la tutan landon ĉirkaŭantajn alarmajn instalaĵojn kaj barilojn, la tiel nomatan „Feran Kurtenon". Intertempe, la influo kaj la aktivecoj de la Demokratiaj Opoziciaj Partioj kreskis kaj postulis dum la tago de la Burĝa Revolucio, la 15an de marto (1848), demokration, liberajn balotojn kaj liberecon por Opinioj en la medioj. La 16-an de junio 1989, kiel finiĝo de la historia Kádár-Epoko, oni entombigis en Budapeŝto la martirojn de la 1956a Revolucio, Imre Nagy kaj liaj kunuloj, kiuj ĝis tiam ripozis en nedifinita amastombejo. Al tiuj okazintaĵoj aliĝis la soprona opozicia movado kiu motivigis milojn da homojn.

Dum julio 1989 la Hungara Demokrata Forumo (MDF) el Debrecen, petis al la soprona grupo celebri feston en la loko de la estinta limbaraĵo, kiu estu dediĉita al la ideo de Komuna Eŭropo sen limoj. Tiu ideo de la evento estis alprenita dum iu vespermanĝo en majo 1989 en ĉeesto de Otto de Habsburg. Tie naskiĝis la ideo de Paneŭropa Pikniko. Ĉar urĝis la tempo, la loka MDF-Organizacio kontaktigis aliajn opoziciajn partiojn. Laŭ reciproka interkonsento la kvar opoziciaj partioj komune


Pripiknika memortabulo

laboris por la demokratia turno.

Post plurtaga pripenso, tiuj partioj decidis doni al tiu pikniko la formon de aranĝo, kiu movigos la tutan regionon. Tiel venis la 19a de aŭgusto, kiam alvenis amaso da ĉirkaŭ 15-20.000 homoj al la herbejo de Sopron-Puszta por ĉeesti la momenton de la malmunto de la „Fera Kurteno,"

La pikniko fariĝis vera festo de ĝojo kaj neatendite pluraj centoj da GDR-civitanoj trarompis la limon ĉe la loko de la „Simbola Limomalfermo" kaj sin ĵetis al Aŭstrio.

Tiu neatendita okazintaĵo faris el tiu Paneŭropa Pikniko gravan mondhistorian momenton pri kio oni raportis tutmonde. Tiu limtrarompo estis dokumentita fare de Tamás Lobenwein (fotoj) kaj D-ro Györgyi Kárpáti (videofilmo).

Sed oni ne devas forgesi la proceдon kiun kaŭzigis la Pikniko. Laŭ oficialaj informoj troviĝis dum aŭtuno de 1989 60.000 GDR-civitanoj en Hungario kaj apenaŭ iu el tiuj intencis reveni al sia hejm-lando. Multe da homoj, kies restad-permeso finiĝis, devis esti translokitaj al rifuĝejaj kampoj.

La limtrarompo dum la Paneŭropa Pikniko validas kiel unikaĵo, sed multaj GDR-civitanoj penadis sole aŭ grupe atingi la liberecon trans la „verda limo".

La hungara registaro devis doni aten-

# De Adélaïde (Adelaido) al Darwin (Darvino)

## *Aŭstralio malfermas fervojan konekton de marbordo al marbordo*

La ĉefministro de Aŭstralio John Howard kaj aliaj registaraj pintoj (membroj de la registaro) estas je la hodiaŭa tago ( 17.01.04) survoje al Darvino, la ĉefurbo de la aŭstralia norda teritorio - per aviadilo.

La celo de la vojaĝo: ili volas soleni alian transportrimedon: la unuan vartrajnon el la aŭstralia metropolo Adelaido. La nova transkontinenta fervojo estas la unua rekta komunikiĝo inter la nordo kai la sudo de Aŭstralio.

La malabunda loĝantaro de la aŭstralia forforejo reagas kun entuziasmo :







Vagonoj de la trajnoj *The Ghan* kun la aŭtoro en Alice Spring en jaro 1997

Kiel ajn 1,2 km-on longa trajno je sia unua veturo - ĉu tage aŭ nokte - staras mansvingantaj homoj apud la reloj. En la trajno dum la preskaŭ 3 000 km- ojn longa itinero: frajto de 1 300 tunoj de biero, mebloj, elektraj iloj kaj nutraĵoj. La veturo de Adelaido en la sudo ĝis Darvino en la nordo daŭras 43 horojn. Kvinfoje semajne trafikas la vartrajno ekde la 1-a de februaro kaj ankaŭ komforta pasaĝertrajno kun litvagonoj - la iam legenda "The Ghan".

Laŭ informoj de la ekspluatantoj ekzistas jam lokrezervadoj en la valoro de 15 milionoj aŭstraliaj da dolaroj (ĉirkaŭ 8,8 milionoj da eŭroj), grandparte el Usono kaj Eŭropo. La nomo "The Ghan" memorigas la afganajn kamelojn, kiuj je la pionira tempo estis la plej grava transportrimedo en la landa interno.

(El la germana ĵurnalo "Frankfurter Rundschau » de la 17.01.2004)

*Vidu ankaŭ la artikolon en IF 2/1998 pri veturo en "The Ghan", ekde la tiama finstacio Alice Serines al Adelaido.*

(Traduko: Walter Ullmann Germanio)

---

ton al la fakto, ke Orienta Eŭropo ricevis truon kaj sin vidis obligata oficiale malfermi la limon la 11an de septembro. Tio kondukis al amasdemonstracioj en GDR mem (novembro 1989), kiuj substrekis la deziron al libereco kaj liberaj vojaĝoj.

Vane, Erich Honecker diris, oktobre 1989, ke la Berlina Muro ankoraŭ 100 jarojn ekzistos sed la volo de la popolo faligis ĝin la 10an de novembro 1989.

Tiel la Paneŭropa Pikniko fariĝis simbolo por komuna Eŭropo sen limoj.

*Ernst Quietensky*

# Printempa renkontiĝo ĉe BFES

La 24-an - 25-an de aprilo 2004, la estraro de la Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio (BFES) organizis printempan renkontiĝon de sia anaro en la belega urbo Kjustendil.

Matene la 24-an, sabate, sur la kajo de la fervojstacio Kjustendil elvagoniĝis 33 geesperantistoj fervojistaj el la tuta lando. Ĉiuj direktiĝis al la fervojista sanatorio (ripozdomo), kiu troviĝas en la centro de la urbo. Tie ili estis enloĝigitaj en la komfortaj dulitaj ĉambroj. Iuj uzis la liberan tempon por ripozo, aliaj faris mineral-akvan baniĝon en la sama ripozdomo. Kjustendil estas famkonata kun siaj 40 mineralakvaj fontanoj, kun multaj sanatorioj. Ĝi allogas multajn turistojn, landajn kaj fremdlandajn.

Posttagmanĝe, laŭ la programo, la partoprenantoj en la renkontiĝo faris ekskurson piede tra la urbo kaj vizitis la etnografian muzeon, la pentroartan galerion kaj multajn aliajn rimarkindaĵojn. Poste, grupe, ili vizitis la bazarstraton, trinkis kafon kaj ĝojis pro la bela printempa vetero, la freŝa aero kaj la gaja humoro.

Je la 18-a h., ĉiuj kolektiĝis en la granda salono de la ripozdomo. La prezidanto de BFES Veselka Kamburova malfermis la koncizan kunvenon. Unue, ŝi anoncis la forpason de la elstara kaj eminenta esperantisto; la honora prezidanto de IFEF, s-ro Joachim Giessner.

Per unuminuta silento, la partoprenantoj honorigis lian memoron! Ŝi diris, ke ĝis nun, nur 4 geesperantistoj estas aliĝintaj al la 56-a IFEF kongreso en Sopron-Hungario. Estis diskutataj diversaj organizaj problemoj, plibonigo de la programo de la sekvontaj printempaj renkontiĝoj k.a.

Post la kunveno, okazis vespermanĝo kaj amuza vespero.

La samideano Metodi ludis per akordiono belajn popolajn kaj danckantojn, akompanata de multaj kantemuloj.

Ĝis la malfrua nokto ĉiuj dancis kaj amuziĝis en bonega humoro.

Matene la 25-an, dimanĉe, post matenmanĝo, la partoprenantoj faris promenandon ĝis la konata rimarkindaĵo de la urbo - la monteto "Hisarlaka".

Je la 11-a h., per la vortoj « ĝis la revido en la sekvonta renkontiĝo en la 24-a konferenco de BFES en Panichishte », la trajno veturigis ĉiujn al iliaj loĝlokoj

*Tonĉo Valev*

# 46-a Internacia Esperanto Skisemajno en Katalunaj Pireneoj
# LA MOLINA

**La Molina**
La vintra 46-a Skisemajno okazos en La Molina (Municipo de Alp) en Katalunaj Pireneoj. La Molina havas du skieblajn montopintojn: Puig Llançada 2 046 m-ojn alta kaj Tora de Alp 2 537 m-ojn. Oni nombras 40 skikurejojn kun skieblecoj longaj je 50 km-oj.

**La hotelo**
La hotelo SUPERMOLINA havas ĉambrojn ekipitajn per banĉambro, televidaparato kaj telefono. La Hotelo posedas klimatizitan naĝejon kaj saŭnon. En la restoracio funkcias libera bufedo.

La seĝliftoj estas senpagaj por la pli ol 65 jaraĝuloj.

**Trajno**
La vojaĝo per trajno de la Tour de Carol (Francio) al La Molina daŭras duonhoron. De Barcelona la vojaĝo daŭras du horojn kaj tri kvaronojn.
Por la horaro, bonvolu vin turni al fervoja kompanio.

**Aŭtobusoj**
Ĉe la stacidomo oni trovas aŭtobuson, veturantan ĉiun kvaronhoron al la diversaj hoteloj. Ankaŭ haltejo situas apud la hotelo Supermolina.

**********************************************************************

Aliĝilo

La skisemajno, okazos de la 23-a ĝis la 28-a de januaro 2005 en la hotelo SUPER-MOLINA Avenuo Supermolina, n° 100
Aliĝkotizo : 10 eŭroj ĝis 01/10/04, poste, 15 eŭroj sen garantio de loĝado.

**Loĝado**

| | |
|---|---|
| Duonpensiono (6 noktoj) en dulita ĉambro | po persono = 193,50 € |
| Duonpensiono (6 noktoj) en unulita ĉambro | po persono = 251,55 € |
| Kompleta pensiono (6 noktoj) en dulita ĉambro | po persono = 209,30 € |
| Kompleta pensiono (6 noktoj) en unulita ĉambro | po persono = 272,10 € |

Familia nomo.............................. Antaŭnomo..............................
Strato kaj numero ..........................................................
Poŝta kodo kaj urbo ......................................................
Lando ..............
Mi deziras loĝi kun ..................................................;
Mi pagas pri:
Aliĝkotizo ...................................
Loĝado (almenaŭ por unu nokto)..............
Bankonto: La Caixa 2100 - 3004 - 210 915 4146
Adreso: Hispana Esperanta Fervojista Asocio
Apart 15027 08080 Barcelona
KATALUNIO HISPANIO

Mi deklaras, ke mi havas propran san-kaj skiant-asekuron por mia restadtempo en La Molina.
Dato.................. Subskribo ...................................

**INTERNACIA FERVOJISTO**
56-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia fervojista Esperanto-Federacio**
**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso:
co16919@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso: kozsu13@freemail.hu

**Redaktoro:** Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
Retadreso:
Jeanripoche@wanadoo.fr

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
Retadreso: marica.brletic@hznet.hr

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
Retadreso:
Laurent.Vignaud@wanadoo.fr
**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo : PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270

VIG 2004.040

**Faka komisiono**
GV: Jan Nieman:
esperanto@mail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
IFEF.B90Gr-mei@-online.de



## *Flanke de niaj libroj*

### Nova esperanto-bulgara teknika vortaro




*Por la interesuloj, bonvolu sin turni al: "BDZ" - Ĝenerala Direkcio*
*Inĝ. Veselka Kamburova*
*Str.Ivan Vazov 3*
*BG– 1080 Sofio*
*Retadreso:*
*veskam@abv.bg*

### Ĉu lingva imperiismo




**Ĉu nur-angla Eŭropo? Defio al lingva politiko.**
*Robert Phillipson.*
Lingvistiko / Politiko.
UEA. Rotterdam. 2004.
254 paĝoj.
Prezo: 21.00 €
*Klarigo:*
*Profunda kaj serioza rigardo al la nuna stato de la eŭropa lingva situacio, kun sobra analizo de ĝiaj kaŭzoj kaj efikoj*

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com



*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.*
*Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*